# Gaja Haveno

23

Sendependa E-Gazeto de Porto Alegre
La 15-an de Oktobro, 2005

**AKTUALAĴOJ/ BRAZILO**

# En la regno de la malŝparemo

**La ekonomikisto José Abrantes, profesoro de la Ŝtata Universitato de Rio-de-Ĵanejro, lanĉis la libron *Brasil: O País dos Desperdícios* (eldonejo Auriverde), en kiu li prezentas la resultojn de sia esploro pri la grado de malŝparemo ekzistanta en la lando. Malsupre, kelkaj atentokaptaj donitaĵoj pri la afero.**



- Ekde la momento de la plantado ĝis kiam ili atingas la tablon de la konsumantoj, oni perdas 50% el la nutraĵoj produktitaj.

- 40% el la akvo iras al la elfluejo sen uzo (monda averaĝo: 20%) pro la problemoj pri misuzoj de la konsumantoj kaj elverŝado en la reto de provizado.

- Oni perdas proksimume 30% el la elektra energio.

- La registara povo ankaŭ 'kontribuas': kiom da bilionoj oni ne elspezis dum la konstruado de la ŝoseo Transamazônica? En la konstruo de la sidejo de Eletropaulo, en la ŝtato San-Paŭlo? Ne parolante pri la mono perdita okaze de la interrompo de la projekto pri la nukleaj uzinoj Angra 1 kaj 2.

- Okaze de la ondo de privatigoj en la mandatperiodo de Prezidento Fernando Henrique Cardoso, Kompanio Vale do Rio Doce, kiel ekzemplo, estis vendita en 1997 po R$3,4 bilionoj kaj komence de ĉi tiu jaro ĝi estis taksita je R$100 bilionoj! Valorigo de 3.000% en 8 jaroj... Laŭ Abrantes, la melŝparemo de la brazilanoj ŝuldas al ekonomiaj kaj ĉefe kulturaj karakterizoj: *"Kontraŭe al la eŭropanoj, ni ne havas malfavoran klimaton, ĉi tie ĉio estas pli facila, mandisponebla. Ni ankaŭ ne travivis militperiodojn kiel aliaj popoloj, kiam nepris ŝpari"*, li analizas. ●

**Surbaze de CartaCapital**

## Kolofono

**GAJA HAVENO**
**Sendependa E-Gazeto de Porto Alegre**

**Kreita en 1997**



**Redaktas: Instr. César Dorneles Soares**

**Str. Umbu, 421/203**
**Porto Alegre, RS, Brazilo - PK-do 91350-100**

**Tel. (51) 3325-0084 - (51) 9803-4970**

cdsoares@via-rs.com.br


**Oni petas interŝanĝon.**

# Kroko




# NOMBROJ

## 60%

de la helpo promesita al la viktimoj de la cunamo kiu atingis la sudon de Azio ankoraŭ ne estis sendita. **<IstoÉ**

## 829 l

Loĝantoj de la Suda Lago en Braziljo elspezas potage 829 l da akvo. La unuopa konsumo rekomendita de UN estas 150 litroj. **<IstoÉ**

## 26%

Laŭ INAF (Instituto Nacional de Alfabetismo Funcional), nur 26% el la brazilanoj estas 'plennivelaj legpovuloj': ili sukcesas legi pli longajn tekstojn, loki kaj rilatigi pli ol unu informon kaj kompari diversajn tekstojn. **<IstoÉ**

## 26

Laŭ Câmara Brasileira do Livro, 26 milionoj da brazilanoj legas 4 librojn po jaro. Ĉu malmulte? Estas duono de la eŭropaj legantoj. **<IstoÉ**

## 2.026

brazilaj futballudistoj estis venditaj al la eksterlando inter 2003-2005. **<CartaCapital**

## 18,2 %

La Arkta Poluso degelas. Ĝi jam perdis 18,2% el ĝia glacikvanto. **<Zero Hora** ●

# Intervjuo

## Marcelo Stoduto: "En ĉio, ami kaj servi"

**Marcelo Stoduto, prezidanto de GEA kaj 3-a Sekretario de BEL estas la intervjuato de ĉi tiu eldono de Gaja Haveno.**

**Jaro de esperantistiĝo:** 1994-a, **Naskiĝurbo:** Porto Alegre, **Signo:** Kaprikorno, **Vivdevizo:** "En ĉio, ami kaj servi" (Inácio de Loyola), **Iu kvalito via:** Persistemo, **Iu malkvalito aliula:** aroganteco, **Iu manio:** Enlitiĝi post nokto-mezo, **Iu revo:** Starigo de Esperanto kiel lingvo-ponto tutmonde, **Iu revo pri konsumo:** Memstara sidejo por nia Regiona E-Movado, **Iu espero:** Ke la homaro atingu la pacon kaj la fratecan senkondiĉan amon, **Iu resopiro:** Mia forpasinta onklo-avo Rafael Mascaro (memlernanto pri E-o), **Iu persona konkero:** Mia diplomiĝo pri Beletroj, **Iu frustro:** Mia am-vivo, **Iu neforgesebla tago:** Mia enpostenigo kiel prezidanto en GEA, **Iu loko:** Abadiânia – internlanda urbo en Goiás, **Iu libro:** *La Defioj de la Lingvoj,* de Claude Piron, **Iu verkist(in)o:** Machado de Assis, **Iu muzikaĵo:** *Nessun Dorma* kaj *Ave Maria,* de Schulbert, **Iu kantist(in)o:** Luciano Pavarotti, **Iu filmo:** *À Espera de um Milagre,* **Iu kinoartist(in)o:** Robin Williams, **Iu TV-programero:** *Globo Repórter,* **Iu TV-artist(in)o:** Antônio Fagundes kaj Fernanda Montenegro, **Iu politikist(in)o:** Getúlio Vargas, **Iu personeco:** Mahatma Ghandi, **Iu distraĵo:** spekti dram-seriojn pertelevide, **Iu tempopasigilo:** Bonaj legaĵoj, **Iu sporto:** Ŝako (mensa sporto), **Iu arto:** Kanto, **Iu plado:** Lazanjo (kiel bona ital-devenulo), **Mi estas...:** obstina laboranto pri miaj viv-idealoj: Kristanismo kaj Esperanto. ***Gaja Haveno estas...:*** 1. Konkero niamovada, 2. La plej altvalora kaj riĉenhava periodaĵo niaregiona, 3. Neĉesinda kaj neĉesenda eldonaĵo pro sia graveco, **Iu mesaĝo:** Kiel individuo: "Konatiĝu al vi mem", kiel lernanto: "lernu studi, kaj studu por lerni", kiel instruisto: "Pli bone ol studi estas eduki", kiel spiritisto: Ni amu unu la aliajn, kiel esperantisto: Ni, paŝo post paŝo, semu kaj semu konstante, kiel homar-ano: Karaj gefratoj, ni estigu la pacon sur la mondo. •

## El la poŝtkesto

Mi dankas vin pro la sendado de GAJA HAVENO (22), ĉiam interesa, bonelektita enhavaĵo, ĉiam amuziga, instrua, informa ĵurnalo.

**<Ennio F. Porto, Torres/RS**

Ni sendas Bahian Saluton, k samtempe salutas tieajn Esp-gaŭĉojn. Plezure ni prezentas sinceran dankon pro la sendado de la bulteno Gaja Haveno. Ĝi estas multinforma periodaĵo. Plus unufoje, dankon pro la ĝentileco. Profitante la okazon, ni prezentas nian gratulon pro la belega k impona Kongreso, kiun Vi kal la ceteraj tieaj geesperantistoj organizis. Ni konservas bonan impreson pri Via belega ĉefurbo. Specialan saluton al nia karega Lúcia Marder.

**<Elísia Martins de Oliveira, José Saraiva Matos, Salvador/BA**

http://br.groups.yahoo.com/group/esperanto_gea

## E-MOVADO

# Ary Zamora

**Jen dua parto de ĉi tiuj biografiaj notoj pri la vivo de unu el la plej gravaj esperantistoj de nia regiono en la 20-a jarcento.**

**Far Alberto Flores/**
**Volta Redonda-RJ**

La vivado estis tre trankvila en la havena urbo Rio Grande, kie Ary pasigis sian knabecon. Li ŝatis legi kaj aŭskulti la interparoladojn de la plenkreskuloj. Lia patro kutimis inviti amikojn por longaj *charlas* (babiladoj). Kelkfoje oni paroladis pri politiko, pri socialismo, pri ideala anarkiismo, aŭ pri internaciaj aferoj. Iun tagon li aŭskultis la plenkreskuloj paroli pri la neceso kaj avantaĝo uzi iun internacian lingvon ĵus aperintan. Temis pri Esperanto. Tiun nomon li konservis en sian memoron. Kiam Ary estis knabo, li tre ŝatis aĉeti kaj legi la por infanoj ilustritan revueton *O Tico-Tico,* sed moneroj por ĝin aĉeti estis tre maloftaj. Do, Ary, kun permeso de la patrino, decidis marŝi kelkajn kvartalojn plu por aĉeti panon kie ĝi estis iomete malmultekosta. Tiel li rajtis uzi la ŝparitajn monerojn por aĉeti la amatan revueton. En tiu revueto la poeto, pentristo kaj komponisto Eustórgio Wanderley (Eŭstorĵio Vanderlej) publikigis kanzoneton, kiun devis kanti kelkaj knabinoj; ĉiu, je sia fojo, reprezentis unu el la naciaj lingvoj. Fine aperis bela knabino, kiu reprezentis la lingvon ESPERANTO, kaj ŝi kantis:

*Unuigi ĉiujn en banton*
*Estas la sekreto mia*
*Per tre frata ĉirkaŭbrako*
*Ĉar Esperanto estas mia.*

Denove la vorto ESPERANTO vokis la scivolemon de Ary.

Antaŭ 100 jaroj, en la jaro 1905, la *Almanak do Rio Grande do Sul,* eldonita Livraria Americana, el Pelotas, publikigis artikolon verkitan de la esperantisto Christiano Kraemer, favore al Esperanto. Tiu almanako aperis en la komenco de la jaro, do, antaŭ la 1-a Universala Kongreso de Esperanto, kiu okazis en de la 5-a ĝis la 9-a de aŭgusto, 1905, en la franca urbo Boulogne-sur-Mer, 18 jaroj post la apero de la lingvo Esperanto en la jaro 1887. Tiu fakto montras ke tiam jam estis esperantistoj en la urbo Rio Grande, kie Ary Zamora loĝadis. En lia elementa lernejo, en Rio Grande, li iam aŭskultis la inspektorinon de lernantoj, S-ino Júlia, paroli favore pri Esperanto. En la gimnazio, la instruisto pri germana lingvo ankaŭ parolis pri Esperanto, lingvo kiu, la informo de la instruisto, havis tre simplan kaj logikan gramatikon.

Tiel, la scivolemo kaj intereso de la knabo Ary kreskis, kaj li deziris koni plu pri tiu lingvo pri kiu ĉiuj personoj ĉiam parolis laŭdante.

Foje li eĉ kuraĝis mendi librojn pri Esperanto en la librovendejo de la urbo Rio Grande, sed neniam li sukcesis iri preni la librojn, ĉar ĉiam 'mankis mono'! Kaj tiu afero multe ĉagrenis la junan knabon Ary. ●

**<Daŭrigote**

# Jes Ja!

**Far César Dorneles Soares**

❑ En la 15-a de novembro, 1889, en Porto Alegre, el la balkono de Palaco de la Registaro, Marŝalo Câmara, heroo de la Milito de Paragvajo, anoncis al la popolo ĉeestanta la **proklamadon de la Respubliko**. Post kelktempe, en la sama nokto, aro da surstratuloj disiris tra la stratojn por eŭforie depreni ŝildojn kun nomoj de stratoj rebaptante ilin per aliaj nomoj, skribitaj sur improvizitaj novaj ŝildoj el kartono. Tiele ekz. la strato de la Imperiestro fariĝis la stratro de la Respubliko; la publika ĝardeno Conde d'Eu (Grafo d'Eu) fariĝis la publika ĝardeno 15-a de Novembro; la avenuo Imperial (avenuo Imperia) fariĝis avenuo Benjamin Constant ktp, ktp...

❑ Jen du bonaj sugestoj pri **radioprogrameroj** por viaj sabataj matenoj: *As Ruas de Porto Alegre*: radiostacio Gaúcha, 8h10, *O Mundo na Guaíba*: radiostacio Guaíba, 11h30.

❑ La tre entuziasma kaj diligenta nova prezidanto de GEA, Instr. Marcelo Stoduto, pensas pri iu granda **Sudbrazila Renkontiĝo de Esperanto,** venontjare en la gaŭĉa ĉefurbo. Rimarkindas, ke en 2006 Porto Alegre, samkiel Campinas (marton) kaj Rio (junion), festos la centjariĝon de la fondo de sia unua E-nukleo – *Esperanta Societo Sud-Rio Granda* (2/9/1906).

❑ De tempo al tempo ni e-istoj de Porto Alegre gastigas samideanojn el aliaj lokoj. Iu bona sugesto pri promeno por konigo de la ĉefaj turismejoj de la urbo estas la veturado pere de la t.n. **Turisma Linio.** La terminalo de enbusiĝo kaj fina elbusiĝo situas ĉe la Central Linha Turismo: Strateto do Carmo, 84, Cidade Baixa. Tel. 3212-3464 k 0800 51 7686.

❑ Jes ja, la **sidejo de GEA** fariĝis pli bela en la lastaj semajnoj. Oni tion multe ŝuldas al la senlaca kaj kreiva laboro de la nova 1-a sekr. Instr. Elisabeth Gomes Diehl.

❑ *Carpe diem,* Alcione, *carpe diem...*



❑ Vidvo en Viamão metigis la jenan **epitafon** sur la tombon de la edzino:

| |
|---|
| Nun vi ripozas<br>kaj mi ankaŭ. |

❑ En la **UK** en Vilno (23-30/7) oni ekdiskutis eventualajn ŝanĝojn en la formato de la evento. Mikaelo Bronŝtejn, en artikolo en la revuo Esperanto, proponis la jenon: (a) rondajn tablojn por ĵurnalistoj, (b) konvenajn ekspoziciojn al la ĝenerala publiko, (c) prezentadon de E-artistoj surstrate. Fine, kongresojn ne tiel izolemajn, mi diru, kio kompreneble ankaŭ validas al aranĝoj en naciaj kaj regionaj skaloj. ●

# Ni semas kaj semas



## Brazilo

**BRAZILJO** – Sub la kursgvido de Prof. Paulo Nascentes okazas en UNB – Universitato de Braziljo dunivelan E-kurson por komencantoj.

**RIO-DE-ĴANEJRO** – Ĉirkaŭ 150 homoj partoprenis en la 4-a Spiritista Esperantista Renkontiĝo okazinta en Rio, je la 11/9, kaj organizita de Centro Espírita Leon Denis kune kun E-Grupo Lázaro Luiz Zamenhof.

**VOLTA REDONDA/RJ** – E-kurso sub la gvido de Inĝ. Alberto Flores okazas en la gerontologia centro de la Asocio de Emeritoj kaj Pensiuloj de Volta Redonda.

## Mondo

**SVEDIO** - Sepdek studentoj anoncis sin por unika interreta universitata kurso pri Esperanto, kiu komenciĝos en la Universitato de Umea en norda Svedio ĉi-aŭtune. La kurso estas la unua en sia speco, ĉar ĝi estas organizata de granda universitato sed okazos nur en la Reto. La kursa retejo, kiu estos alirebla nur por partoprenantoj, enhavos interalie son-dosierojn, babilejon kaj elŝuteblajn tekstojn. (*Libera Folio*)

**TOGOLANDO** - En Togolando estis fondita lernejo por elementgrada kaj mezgrada instruado de geknaboj pere de financa subteno de neesperantistoj en Eŭropo. La edukejo sekvas la normalan instruprogramon de la lando kaj krome disponigas la lernadon de Esperanto. (*Esperanto*) ●

**Sendu novaĵojn pri via regiona Movado al Gaja Haveno!**

# El la poŝtkesto



Plezure mi informas al la kara samideano la ricevon de via ŝatata kaj tre utila GAJA HAVENO n-ro 22 – septembro-oktubro/2005. Mi profitas ĝin por transskribi sur mian informilon E-Notícias notojn pri la E-movado en Granda Rivero kaj en Gaja Haveno, pro tio mi treege dankas al vi.

**<Gilberto A. Silva Velho, Caçapava/SP**

Gaja Haveno-n (n-ro 22) mi ricevis kaj plezure legis. Gratulojn al ĉiuj novaj estraranoj de GEA. Mi estas certa ke vi faros bonegan laboron. Mi ankaŭ dankas ke vi komencis publikigi la biografion de Ary Zamora. Li certe meritas esti konata de la novuloj.

**<Alberto Flores, Volta Redonda/RJ**




La edzino, apud la lito en kiu la edzo kuŝis serioze malsana jam de kelkaj semajnoj, skribis leteron (portugallingve) al amikino. Ŝi interrompis la taskon, alproksimiĝis al la lito kaj demandis al la malsanulo:
- Karulo, oni skribas *agonizante* per 's' aŭ per 'z'?

La malbonaj politikistoj damaĝas la reputacion de la aliaj 10%.

**<Groucho Marx**



Elefanto vagas en ĝangalo kaj subite trafas nudan viron starantan meze de densejo. Rigardante lin kap-ĝis-piede la elefanto demandas:
- Kiel ja eblas, ke vi nutriĝu per tio?!?

Romo havis nur unu Incitatus en la Senato.

La diferenco inter la kokino kaj la politikisto estas tio, ke la politikisto klukas kaj ne ovumas.

**<Millôr Fernandes**

# Prilingve

## ❑Kiel diri?



*cãimbra* = kramfo
*grade* = krado
*lua-de-mel* = miela tempo
*'panelinha'* = koterio
*pontuar* = interpunkcii
*rascunho* = malneto, skizo
*sessão de autógrafos* = aŭtora duonhoro
*vaso sanitário* = klozeto

## ❑Metaforoj

✔ "la ceteran tempon **formanĝis** la preparado de programeroj" (Mikaelo Bronŝtejn)

✔ "la UK-oj estas vive **plensangaj"** (same)

✔ "mi estis ravita per la **kolorabundo** de la Nacia Vespero" (same)

## ❑Interjekcioj

**Hej!**

= Interj. uzata por kuraĝigi, por instigi al gajo ktp. (PIV):

*Hej, vi, kuraĝon!*




## Porto Alegre

**BABILA RONDO –** En la unua sabato de la monato, 15h, en GEA. Kunordiganto: Instr. César Dorneles Soares.

**STUDGRUPO –** En la dua sabato de la monato, 9h30, en GEA. Kunordigantinoj: Instr. Maria Elisabeth Gomes Diehl kaj S-anino Tereza Jorgelina Jobim.

**E-O PER TEKSTOJ –** En la tria sabato de la monato, 15h, en GEA. Kunordiganto: Instr. Marcelo Stoduto.

**VERDA KAFO –** En la lasta sabato de la monato, 16h, en la trinkejo-restoracio Tutty's: Av. Independência, 30, Centro Comercial Independência.

**PERFEKTIGA KURSO POR E-INSTRUANTOJ – Klaso A:** ĉiumerkrede, 15h, en GEA. **Klaso B:** ĉiuĵaŭde, 19h, em GEA. Kunordiganto: Instr. Marcelo Stoduto.

**E-diskonigado en la 51-a Librofoiro de Porto Alegre –** Okt./Nov. GEA-aranĝo.

**Bingo –** 5/11, sabate, 15h, en GEA.

**Zamenhof-Festo –** 17/12, sabate, 15h, en GEA. Bv. alporti frandaĵojn kiel kontribuo.

Estu membro
de GEA k BEL!

## Araras/SP

**1-a Kongreso de E-o de Ŝtato San-Paŭlo –** 5-6/11/2005, en Araras, SP. Aranĝo de E-Asocio de San-Paŭlo.

## Ribeirão Preto/SP

**1-a BRES-Brazila Renkontiĝo de Esperantistaj Spiritistoj** – Inter 21-23/7/2006 en Ribeirão Preto, SP. Aranĝo de Spiritisma Centro Batuíra. Ĉeftemo: *La Spiritisma Domo.* Pliaj informoj kaj aliĝoj: www.bres.org.br.

## Tra la mondo

**1-a Nacia Kongreso de Esperanto –** 03-09/11, en Niĝerio.
**8-a Nacia Kongreso de Esperanto –** 09/11, Acapulco, Meksiko
**28-a jara Kongreso de Pakistana E-Asocio –** 24-25/12, Lahore, Pakistano

## TRA LA RETO

**SINDIQUINZE –** Sindicato dos Servidores Públicos Federais da Justiça do Trabalho da 15ª Região (Campinas, SP) havas propran TTT-ejon, kun ligilo al aliaj E-retadresoj. Ĝia oficiala organo havas rubrikon pri nia transnacia lingvo. www.sindiquinze.org.br



**BEL -** Ja vizitinda la nova paĝaro de Brazila E-Ligo. Radio BEL estas unu el la diversaj allogaĵoj: www.esperanto.org.br.

**RADIO RIO-DE-ĴANEJRO –** Aŭskulteblas la programero *Esperanto, a Língua da Fraternidade* pere de interreto: www.radioriodejaneiro.am.br. •